Jaro XVI | Januaro/Aprilo 1932 | No. 1

Oficiala Organo de la internacia VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.)

# VEGETARANO

Trimonata bulteno por vegetarismo kaj parencelaj ideoj

Adreso: Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, III., Germanujo.

Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

**Argentino** (Pes. pap.): S-ro Pascual Bosso, Strato Lisboa 2940 (Parque Chas), Buenos Aires.
**Belgujo** (B 4.—): S-no Yvonne Colijn, Martelaarslaan 40, Gent (Gand).
**Bulgarujo** (Levoj 50.—): S-ro Petr Mitkov, Bulevard Evlogi Georgiev 49, Sofio.
**Ĉeĥoslovakujo** (kč. 25.—): S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.
**Danujo** (dkr. 4.—): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., Kopenhago-K.
**Estonujo** (Ekr. 3.—) F-no Helmi Dresen, postkast 6, Talino.
**Francujo** (ffr. 20.—): F-no Cécile Royer, 105 Rue du Faubourg St.-Denis, Parizo X, poŝtkonto Parizo 257-77.
**Germanujo** (RM 3.—): S-ro Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, III. Poŝtkonto „Hmb 31883".
**Grandbritujo** (Ŝ. 4/—): S-no Margaret Blaise, „Bonveno", 19 Litchfield Avenue, Lower Morden, Surrey, Anglujo.
**Hungarujo** (P. 4.—): S-ro Bihari Mór, Tököly-út 85, II/6, Budapeŝto VII.
**Latvujo** (Latoj 4.—): S-ro Julio Bejzots, Aspazia-Bulv. 9, loĝ. 3, Rigo.
**Litovujo** (Lid. 8.—): S-ro Vladas Butkus, III. Gimnazija, Maironio 12, Kaŭno.
**Nederlando** (fl. 2.—): S-no Catharina J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 96, Hago, poŝtkonto 52008.
**Polujo** (zl. 8.—): S-ro Chajm Kuŝnir, Ul. Orwida 5, Wołomin powiat Radzymiński.
**Sovjetunio** (R. 1.50): U. U. Zajcev, Moskvo 66, Leiortovskij per. 7a, kv. 1.
**Svisujo** (sfr. 4.—): S-ro Paul Enz, Marchwartstraße 48, Zürich 2, poŝtkonto VIII/17062.
**Usono** (dol. 1.—): S-ro Karl Fröding, 124 King Street, Madison, Wis.

El la landoj necitittaj oni sendu rekte al la redaktanto la egalvaloron de 4 svisaj frankoj. La kuponoj de UEA estas akceptataj kaj estu uzataj prefere ol nacia mono. Anoncoj pri vegetaraj manĝejoj kostas la egalvaloron de dek svisaj frankoj.

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V. L. E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Ĝia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj. La „Vegetarano" aperas trimonate, do kvarfoje en la jaro.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

La ĝenerala sekretario kaj kasisto de VLE estas nune Oscar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, III., Germanujo. Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parencelaj eldonaĵoj.

## Historio de nia Vegetara Ligo Esperantista.

Jam de la komenco de la Esperanto-movado partoprenadis en ĝi multaj vegetaranoj; ankaŭ L. N. Tolstoj, kiu ja donis fortan moralan subtenon al Esperanto, estis fervora vegetarano laŭ etikaj principoj. La Fundamenta Krestomatio enhavas du impresajn artikolojn pri vegetarismo, el kiuj „La Hejmo de la Metiisto" estas tre konata.

Estis do nature, ke, kiam venis la tempo de fakorganizoj inter esperantistoj, ankaŭ la vegetaranoj deziris interkonatiĝi aparte, por interŝanĝi siajn specialajn ideojn kaj nutri reciproke siajn entuziasmojn. Dum la 4-a Internacia Kongreso de Esperanto, en Dresdeno, laŭ iniciato de la franca samideano René de Ladevèze el Agen (mortinta 1913), estis fondata dimanĉon, la 16-an de aŭgusto 1908, Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj (I. U. E. V.), kiu kelkajn jarojn poste plisimpligis sian nomon al: **Vegetara Ligo Esperantista** (V. L. E.). Grafo Leo Tolstoj, per speciala skriba konfirmo, akceptis ĝian honoran prezidantecon.

Efektiva administranto de la VLE kaj ĝia animo estis René de Ladevèze, tiutempe en Hamburgo. La ligo eldonis flugfoliojn en Esperanto pri la vegetarismo kaj en tri naciaj lingvoj (angla, franca, germana) pri Esperanto. Bedaŭrinde la adresoj sur tiuj flugfolioj pro tre oftaj ŝanĝoj baldaŭ fariĝis erarigaj; krom tio montriĝis, ke la nuraj propagandaj folioj estis nesufiĉaj, por teni la samcelanojn en ĉiama kontakto.

Pro tio Oskar Bünemann en Milano, Italujo, en julio 1914 komencis eldoni modestan dumonatan bultenon **„Vegetarano"** kiel ligilon inter la membroj kaj kiel propagandilon inter esperantistoj por vegetarismo, inter vegetaranoj por Esperanto. Tiutempe Rudolf Rajci en Budapeŝto estis kasisto kaj J. A. Gill en Tunbridge, Anglujo, sekretario de la ligo.

Jam dum la 4-a internacia vegetarana kongreso en Hago 1913, Esperanto ludis gravan rolon. Kelkaj paroladoj tie aŭdiĝis en Esperanto, interalie unu de Gill „La du verdaj aferoj" kaj unu de s-ino Van der Vet-Dirksen „Kio devas aparteni al la tuta homaro".

Pro la milito, la redaktanto devis transdoni en majo 1915 sian laboron al fraŭlino Maria van Rees en Utrecht (Nederlando), kiu brave kondukis nian aferon ĝis fino de la jaro 1916. Tiam la cirkonstancoj ĉesigis la laboron de nia ligo.

En la jaro 1920, dum la Esperanta kongreso en Hago, la vegetarismo ludis gravan rolon; ĉar multaj el la kon-

**Grava!** **Frua ricevo de la kotizo estas grava helpo por ni. Se vi scius tion, ankaŭ vi jam estus paginta. Tial: pagu tuj almenaŭ VI, kiu nun povas aranĝi tion!**

gresanoj, inter aliaj gesamideanoj Isbrücker, sidis ĉe la vegetara sekcio de la tablo. Nia ligo havis fakkunsidon kaj decidis la pluan eldonon de nia bulteno. Post cirkulero dissendita antaŭ la kongreso, aperis en oktobro 1920 sub redakto de Oskar Bünemann, kun gvida artikolo de la Liga Prezidanto J. W. Sevenhuisen (mortinta 10. 2. 1923), la unua postmilita numero de la „Vegetarano", kiu nun aperas en sia 16-a jarkolekto. Ĝia enhavo rilatas ne nur al vegetarismo, sed al la tuta vivreformo kaj al la radikala pacifismo. La varieco de la enhavo dependas de la kunlaboro de la legantoj.

De 1927 ĝis 1932 la „Vegetarano" estis samtempe oficiala organo de la ne-esperantista asocio Internacia Vegetara Unio, kiu ĉesigis tiun aranĝon pro financaj motivoj. De oktobro 1921 ĝis fino de 1926 ĝi enhavis specialan fakon „Movado por Ĉasta Vivo" sub redakto de Daniel Roskes, Hago. Dum la jaro 1926, la bulteno aperis en la kadro de la monata revuo „Libero" presita en Sofio, Bulgarujo; sed tiu aranĝo ne estis kontentiga.

Dufoje aperis plurlingvaj flugfolioj de la ligo, kiuj sendube bone sukcesis; sed ni ĉesigis tiun metodon de propagando pro la altaj kostoj kaj la ĉiamaj adresŝanĝoj, kiuj antikvigas la foliojn baldaŭ post ilia apero.

La administrado de la ligo kaj ĝia organo estas en la manoj de Oskar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32, III, Germanujo, kaj lin helpas landaj sekretarioj en pluraj landoj. Kelkaj el ili, kiel ekzemple samideaninoj Noll, Dresen, Royer, Blaise kaj Roskes-Dirksen, jam de multaj jaroj fervore laboradas por la ligo kaj estas konataj ankaŭ ekster la vegetara fakmovado pro sia granda laboro por Esperanto.

La celo de la VLE estas: disvastigi Esperanton inter vegetaranoj kaj vegetarismon inter esperantismoj, antaŭenpuŝi la internacian solidarecan vegetaran movadon kaj kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona en la mondo. O. B.

---

### Io pri salo.

Ofte, tagmanĝante, oni povas aŭdi la jenan diron: „Ho, tiu ĉi supo, legomo ktp. ne bongustas, ĉar ili ne estas sufiĉe salitaj." Kaj oni prenas salujon kaj sursemas salon laŭ volo kaj gusto. Tamen, kiom da eraro kaj malsaĝo! Jen kelkaj citaĵoj laŭ la famkonata pastro Kneipp en Wörishofen:

Estas vere, ke la korpo bezonas salon, por ke la nutraĵo pli bone asimiliĝu. Nu, pro tio la kreinto aranĝis la nutraĵon tiel, ke ĉiu manĝaĵo enhavas salojn. Salo ne estas nutraĵo; la homa korpo ne asimilas ĝin. Tio evidentiĝas per tio, ke salo elpuŝiĝas kun urino. Ke salo ne estas bezono por la homa korpo, tio estas videbla el jena ekzemplo: donu neniom da salo en manĝaĵon por infano; certe la infano neniam havos avidegon al salitaj manĝaĵoj. Hodiaŭ ekzistas personoj tiom avidegaj al salitaj manĝaĵoj, ke neniu manĝaĵo malmulte salita bongustas al ili.

La efiko de salo estas kaŭteriza. Do, kiu manĝas multan salon, tiu tre facile povas difekti stomakon kaj intestojn. Mi faris tiurilatajn spertojn. Ĉie, kie oni praktikadis laktoproduktadon, oni donis multan salon, dirante, ke la asimilado okazos pli rapide. En libroj kaj revuoj oni povis legi: funto da salo produktas funton da grasaĵo. Ankaŭ mi agis laŭ tio. Tamen, mi faris la sperton, ke la bestoj manĝintaj multan salon, ne atingis altan aĝon. Multaj buĉistoj asertis tion, kaj oni konstatis, ke la intestoj de tiaj bestoj ne estas uzeblaj por kolbasfarado, ĉar kiam oni purigis ilin, ili disiĝis. Ili estis tro malfortaj. Poste, mi agis male: mi ne plu donis salon, kaj la bestoj atingis altan aĝon kaj saniĝis. Pro tio, mi rekomendas al ĉiu ekonomo ne doni multan salon al bestoj.

El miaj infanjaroj mi bone memoras, ke terpomoj ofte ne estis salitaj, same ĉiuj manĝaĵoj faritaj el lakto. Hodiaŭ oni donas duoblan kvanton de salo kaj tamen opinias la manĝaĵon nesufiĉe salita.

Por eviti malutilon, manĝante viandon, oni manĝas ĝin kun legomoj. Kutime, pliigante la malutilon de la viando, oni semas ankoraŭ salon sur ĝin. Ankaŭ buterpano kaj ovoj estas manĝeblaj sen salo. Pastro Kneipp diras: estu saĝaj kaj ne prenu tro da salo! Salo, same pipro kaj aliaj spicaĵoj, estas nuraj ekscitiloj. Ili varmigas, varmegigas, ekscitas; alian utilon ili ne havas.

Tradukis Mathilde Dammbacher, Ellwangen a/Jagst.

---

### Krizaj Epokoj.

La mondo brulas. Epokoj, pri kiuj oni legas en historiaj libroj, ripetiĝas. Kiel dum la unua duono de la deksepa jarcento, daŭras militado en ĉiuj regionoj sub devizoj, kiuj kaŝas la verajn celojn, kun senĉese ŝanĝiĝanta konstelacio de la militantoj, kun ĉiama minaco al ĉiu honesta laboro kaj fervora agado en etikaj movadoj.

Por personoj, kiuj kapablas kaj emas fiŝkapti en kirlmiksita akvo, tiaj periodoj estas bonvenaj. Oni povas fariĝi riĉa sen laboro, sen scio, sen karaktero; oni povas fariĝi fama sen meritoj; oni povas falsi la historiajn okazaĵojn kaj subpremi ĉiujn voĉojn pri la vero.

Personoj, kiuj ne havas tiajn ambiciojn, suferas sub tiaj kondiĉoj, ĉu ili estas ero de la blinda amaso, ĉu ili apartenas al tiuj malmultaj, kiuj estas imunaj kontraŭ influo de aĉetita aŭ perfortita gazetaro, aŭ ĉu ili laboras en grupoj celantaj plialtigon de la socia kaj etika nivelo de la homaro.

Ilin konsolos en tia periodo la konscio, ke malgraŭ ĉiuj okazaĵoj ne pereos la nevidebla, sed ekzistanta komuneco inter homaranoj ĉiulandaj celantaj al unueco, konservantaj al venontaj generacioj la trezorojn de homa solidareco.

Eble multaj el tiu grandega anaro nun komprenos, ke estas necese, submeti individuajn preferaĵojn al la

---

Du armeoj, kiuj batalas unu kontraŭ la alia, estas envere nur unu armeo, kiu sin mem mortigas.
Henri Barbusse.

Por ke la vero eliru triumfante el la batalo kontraŭ la fortoj, ĝi mem antaŭe devas fariĝi forto. Schiller.

Du malamikojn havas la publika vivo. Ambaŭ devas esti venkataj, por ke la publika vivo inde organiziĝu: manko de klareco pri la publikaj celoj (kies fonto estas eraro) kaj manko de volo servi al tiuj ĉi celoj (kies fonto estas egoismo). Leonard Nelson (citita laŭ ISK).

Etiko sen scienco neniam ĉesis vivadi. Scienco sen etiko estas morto! Pascal.

granda neceso de senantaŭjuĝa, senindulga, klara pensado. Ankaŭ ĉiu vegetarano devas kribri siajn ideojn kaj koncentri sian celadon al la ĝenerala, ĉefa, etika kerno de la movado, tiu kerno, kiu funde estas la kerno ankaŭ de la esperantomovado kaj de multaj progresemaj movadoj, kiuj ne bezonas esti citataj ĉi tie.

Tiu koncentrado estis de la komenco la tasko de nia organizo kaj de nia modesta bulteno. La tasko devas esti plenumata nun sub speciale malfacilaj kondiĉoj. Pro tio la redaktado transiros en aliajn manojn, kiuj — same kiel la ĝisnunaj — bezonos la moralan kaj financan apogon de ĉiuj ideaj parencoj. Bonvolu do la legantoj de nia bulteno resti fidelaj al nia entrepreno, ĉerpante el ĝi kuraĝigon por la elteno en nigraj epokoj kaj donante al ĝi la necesan bazon por la ekzisto.

Forte ni staru, fratoj amataj,
por nia sankta afero.
Ni bataladu, kune tenataj
per unu bela espero! (Zamenhof.)

---

## Nia 25-a Universala Kongreso de Esperanto en Kolonjo, 29. 7.—5. 8. 1933.

Detalojn pri la kongreso la samideanoj trovas en ĉiuj Esperanto-gazetoj. Adreso de la Loka Kongresa Komitato: Trajanstr. 25, Kolonjo, Germanujo.

Vegetaraj manĝejoj: „Quisisana" Neumarkt 1a, „Vega" Beethovenstraße 19 (ĉe la operdomo), „Aryana", Hohenzollernring 51, I.

Inter la fakkunsidoj jam anoncitaj estas notindaj: Universala Pacifista Ligo (aranĝonto Einar Dahl, Ridhusgatan 6, Uddevalla, Svedujo), Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj (Elise Jacobs, Mathildenstr. 9, Flensburg, Germanujo).

Ĉiu, kiu havas tempon kaj la necesajn monrimedojn, ĉeestu la ĉiujaran feston de esperantista internacia frateco.

---

## Vegetaraj eldonaĵoj en Esperanto.

En XIII/2 aperis listo de la vegetara literaturo, kiu ekzistas en Esperanto, laŭ scio de la redaktanto. Pro demandoj ricevitaj mi ripetas ilin ĉi tie kune kun intertempe aperintaj novaĵoj:

**La hejmo de la metiisto,** sur paĝo 108 de la Fundamenta Krestomatio de Esperanto.

**Kio estas vegetarismo?** Sur paĝo 187 de la sama libro.

**Nia ĉiutaga pano** kaj ĝia influo sur la vivon de la homoj. Kompilita de W. Wilson Trainer, eldonita de li mem, adr. 329 Langside Road, Glasgovo, Skotlando.

**Pri la elektra aktiveco de nia korpo,** de vegetarano D-ro Wilhelm Winsch (ne pri vegetarismo), eldono de Ellersiek, Berlino, 1918.

**Pri Varmokulturo** (Per Varmo al Sano), sama aŭtoro, eldonita 1913, havebla ĉe Friedrich Ellersiek, Berlino SW 61, Wilmsstr. 5.

**Grava popolhigiena kaj socia demando,** de Hugo Salokannel, Finlando. Havebla ĉe Ellersiek. Pri alkoholo.

**La Solvo de Vivproblemo,** de Anders Rosenberg, Skara, Svedujo, havebla ĉe li.

**Eldonaĵoj de la Amerika Esperanto-Instituto,** King Street 124, urbo Madison, ŝtato Wisconsin, Usono:

**Problemoj de la Vivo,** de Kriŝnamurti, sfr. 0,50.

**De Viandmanĝado al senvenena dolĉfrukta dieto,** de Günter Walter Barnert, sfr. 0,50.

**La Nutrado de Homo,** de Karl Fröding, sfr. 2,50.

---

## El multaj landoj.

**Francujo.** La semajna revuo „Naturisme" rakontas en sia numero 236 pri la unua naturista lernejo starigita sur la Orienta Insulo (Île du Levant), en la naturista kolonio. La infanoj estas instruataj, se ne pluvas, en la libera aero, nudaj. La fino de la ferioj estas por ili ĝojo; ĉar ili amas sian lernejon kaj la instruon laŭ libera metodo.

Nia samideano Henri Faure, La Meynardie, St.-Céré (Lot), eldonadas efikan bultenon „Le Contre-Poison" (La vero kontraŭ veneno), precipe kontraŭ la milito kaj militarismo.

**Aŭstrujo.** La Ligo de Socialistaj Vivreformuloj en novembro 1932 aranĝis ekspozicion en la koopera vendejo Stafa en Vieno sub devizo „Saneca Vivkonduto", kiu montris en tri ĉambroj „ĝustan nutraĵon" (vegetaran), „ĝu-venenojn" (alkoholon kaj tabakon) kaj „verajn vivĝojojn". Oni aranĝis ankaŭ paroladojn. Dum la dusemajna daŭro de la ekspozicio proksimume okmil personoj vizitis ĝin. — La nova adreso de la naturkuraca societo estas: Naturheilverein Wien, Vieno VII, Lindengasse 38.

**Sovetunio.** Laŭ artikolo de J. Diamov en Dortmunder Generalanzeiger de la 11. 2. 33, Germanujo, oni volas en Sovjetunio revoluciigi la nutradon per tio, ke oni ne buĉas la bestojn, sed periode deprenas de ili la sangon, por fabriki el ĝi nutraĵojn! Oni tiamaniere pli bone ekspluatas la bestojn: ĉar bone nutrita bruto aŭ ĉevalo, pezanta proks. 500 kg, donas dum dek jaroj ĉiujare proksimume 185 kg da sango kun proks. 37 kg da albumeno ĉiujare. Tiun sangon oni miksos en konservaĵojn.

marmeladon, panon, kakaon, farunon ktp. aŭ oni donos ĝin koncentrite por kuracado. La fakuloj intencas aranĝi specialajn bestkoloniojn, kie oni organizos grandskale la sensangigon. Eble samideanoj en Sovjetunio povos diri al ni, ĉu tiuj informoj estas veraj. Espereble, ne!

**Ĉeĥoslovakujo.** Přemysl Pitter, Prago X — Karlín, Čelakovského 7, dissendas interesan broŝuron pri la Junularhejmo Milicz (laŭ Johano Milicz), kiu savas la gejunulojn de la grandurbaj danĝeroj. La „Miliĉa Domo" troviĝas en Prago-Žižkov.

**Italujo.** La ministro Acerbo malpermesis la kaptadon kaj ĉasadon al birdoj sur la insulo Kapri.

**Germanujo.** Samcelano Erich Löwe gvidas en Lipsio Esperanto-kursojn por vegetaranoj. — La 10. 3. 33 mortis **Manfred Kyber,** vegetarano, tre konata verkisto. Per siaj libroj pri bestoj kaj per siaj etikaj eldonaĵoj li tre efike helpis por la evoluo al etikaj celoj. En sia lasta libro „Pri nova homaro" li diras: „La nuna katastrofo estas katastrofo de la homaro, ĉar la homoj ne plu estas homoj." — En Heidelberg la kemiisto Kaspar Schmitt sukcesis produkti panon el senoleigitaj kotonsemoj. Laŭdire la pano enhavas da albumeno 50%, nutrosaloj 7,5%, fosforacidoj 3,3%, krome vitaminojn. — La 28. 11. 1932 mortis prof. Much, batalinto kontraŭ vakcinado kaj vivisekcado, tre fama sciencisto. — La plej maljuna vivanta persono en Germanujo, Fritz Sadowski, naskita 1825 en Orlau, Distrikto Neidenburg, Or. Prus., estas vegetarano. Li ankoraŭ marŝas piede 25 km. — D-ro Wilhelm Furtwängler, orkestrestro de la Berlina Filharmonio, estas de du jaroj vegetarano.

**Argentino.** Atentu la adreson de nia nova sekretario. Al samideano García ni diru dankon pro liaj estimindaj servoj. Li retiriĝis el tiu ĉi servo pro manko de tempo. La adreso de la Argentina Naturista Asocio estas: Pichincha 64, Buenos Aires. Ĝia monata revuo „Macrobia" redaktata de Francisco Gutiérrez, Charlone 1519, Buenos Aires, tuŝas ĉiam ĉiujn flankojn de la vegetarismo.

**Grandbritujo.** La fama inventinto de stenografa sistemo, Sir Isaac Pitman (1813—1897) estis fervora vegetarano, jam de 1837. Li estis ano de la Veg. Soc. kaj skribis en 1875 al ĝia sekretario: „Jen unu argumento, kiu eble povus pli ofte esti uzata: la voko al la etika konscienco, ke oni ne faru pere de alia persono tion, kion oni mem ne farus. Mi neniel hezitus purigi miajn proprajn ŝuojn, senpolvigi mian skribtablon aŭ balai la oficejon. Kontraŭ tiaj kaj centoj da aliaj ĉiutagaj faroj per la manoj mia sento ne protestas. Sed mi ne estas kapabla mortbati bovon, mortigi ŝafon kaj speciale ŝafidon, senhaŭtigi angilon aŭ morttordi kortbirdon. Pro tio, ke miaj plej bonaj sentoj ribele malhelpas min fari tiujn agojn, mi rifuzas, uzi alian personon por tiu servo, kiu ofendus ĝiajn sentojn. Eĉ se alia motivo ne ekzistus, tiu ĉi sufiĉus, por gvidi mian konduton rilate al dieto." — La 27. 12. 32 mortis la konata pioniro de la kontraŭvivisekca propagando, D-ro Walter Robert Hadwen, naskita 1854. De 1878 li estis vegetarano.

**Finlando.** De 1932 aperis Vegetaarinen Aikakauslehti (Veg. Revuo), Helsinko, la organo de nova vegetara societo. Nun ĝi estas kunigita, sub titolo „Terveys" (Sano) kun la malnova tiu-ĉi-noma revuo, sub redakto de Laŭri Karila. S-ino Anna Kurimo, la konata vegetara pioniriino en Finlando, nun fondis ripozejon „Onnenlinna" (Kastelo de l' Feliĉo) apud la urbo Viborg, adr. Onnenlinna, Rättijärvi apud Viborg.

**Estonujo.** La vegetara movado havas sian centron en la Tartua Vegetara Societo (adr. s-ro J. Kompus, Võru 39, Tartu), kiu en la lastaj du jaroj vigle laboradis per propagandaj paroladoj, interalie de D-ro Andova, f-ino A. Greger kaj samideano Pamporov el Bulgarujo.

**Danujo.** Antaŭ nelonge okazis konkurskurado inter viandmanĝanto (nomata Bifsteko) kaj vegetarano (nomata Banano) laŭlarĝe tra Jutlando. La venkinto, la Banano, bezonis 9 horojn kaj 42 minutojn por la 85 km longa distanco.

**Usono.** Rabeno Harry S. Lewis parolis pri „La etika kaj religia aspekto de vegetarismo", dirante, ke viando kiel nutraĵo estas postlasaĵo el la tempo, en kiu la Homo konstruis siajn unuajn armaĵojn kaj ilojn, elmetis malfortajn infanojn al morto sur la montetoj, mortigis la gemaljunulojn kaj opiniis, ke ĉiuj tiuj faroj estas naturaj vivagoj. Kvankam la vegetarismo utilis al lia sano, la rabeno diris, ke por li la ĉefa punkto estas la etika kaj religia motivo. Laŭ la instruoj de la evolua scienco Rabeno Lewis opiniis la fruktmanĝadon la plej trafa dieto por la homa gento. — Margaret G. Cousins, kiu fondis la Novjorkan Vegetaran Societon, estas malliberigita de la Hindujaj aŭtoritatoj. La societo peticias por ŝia liberigo.

**Hispanujo.** Kreskas en Hispanujo mem la kontraŭstaro kontraŭ la barbara kutimo de bovbataloj. La etika ligo de s-ro Knoest, Hago, Nederlando, Ant. Duyckstr. 10, dissendas deklaron por subskribo, en kiu la subskribantoj diras, ke ili ne iros por plezuro al Hispanujo, antaŭ ol Hispanujo tute forigos la bovbatalojn.

**Svedujo.** La redaktanto de Vegetarano havis la plezuron, saluti en Stokholmo la pioniron de la sveda kaj tutskandinava movado, red. Saxon, kiu kvankam ne plu juna, ĉiam estas vigla, junfreŝa, laborema. La vegetara gastejo en Drottninggatan 49 estas bonega.

---

### Vegetaraj Manĝejoj.

**Bremen** (Germ.): Molkenstraße 64-65, I. (tre bona).
**Halle a. S.** (Germ.): Vegetara Manĝejo Mölle, Schmeerstr. 5, I., proksime je la foirplaco. Tre bona.
**Ateno** (Grekujo): Vegetara manĝejo „Olympia", Placo de la Konkordo.
**Londono** (Anglujo): Spenser-House Hotel, Palace Gate, Kensington W. 8. Nure vegetara.

---

### Vegetaraj kaj parencelaj eldonaĵoj.

**Macrobia** (longvivado), naturista revuo eldonata de Francisco Gutiérrez, Charlone 1519, Buenos Aires, Argentino. Hispanlingva, 1 numero 10 centavojn. La Argentina Naturista Asocio, en strato Pichincha 64, Buenos Aires, donas senpagajn instruojn, ĉiujaŭde de la 18-a ĝis la 21-a, pri nutroscienco, fiziologio, anatomio k. s.

**Wegweiser für Lebensreformer** (gvidlibreto por vivreformuloj), eldono 1933, havebla ĉe Christian G. Überreich, Hamburgo 36, K.-Wilhelmstr. 79/85, Germ. Poŝformato, gmk. 0,30. Utila informilo pri vegetaraj manĝejoj, kuracejoj, vendejoj ktp.

**Die Fanfare,** Organo por moderna tutmonda agado, eldonanto D-ro Otto F. Goltz, Reichenberg (Liberec),

Ĉeĥosl., Gablonzer Str. 22. Germanlingva. Nia samideano Heinrich Michalek, Niederhainischen 138 apud Reichenberg, kunlaboras en tiu ĉi progresema gazeto, kiu propagandas ankaŭ Esperanton.

**Fleischlos ist nicht teuer** (Senvianda nutraĵo nemultkosta), 76-paĝa germanlingva vegetara receptaro de Marianne Fleischhack, Lipsio-Mariental, Frauholleweg 11, Germ. 350 receptoj. Antaŭparolo de D-ro med. Nik. Müller, prezo broŝ. gmk. 1,35, bind. 1,80. Kun valoraj praktikaj nutrosciencaj klarigoj.

**Wege und Grundfragen für Siedler und Siedlung** (Vojoj kaj elementaj konsiloj por koloniistoj), de D-ro Inĝ. F. Flörke, eldonita de Ewald Könnemann, eldonejo „Bebauet die Erde", Oberellen bei Eisenach. 40-paĝa, prezo gmk. 0,50. La aŭtoro estas vegetarano kaj de pli ol dek jaroj koloniisto. La eldonejo publikigas ankaŭ aliajn samfakajn broŝurojn kaj gazeton.

**Christmas Dishes** (Julfestaj Manĝoj) por vegetaranoj, de D-ro Josiah Oldfield, broŝureto 15-paĝa, prezo 1 p. Havebla ĉe The Fruitarian Society, Doddington, Sittingbourne, Kent, Anglujo.

**Vegetarismul** (La vegetarismo), organo por la disvastigo de la vegetarismo kaj fruktmanĝado. Monata. Jarabono 60 leoj. Red. Camil Perlmann kaj I. Ionescu-Capaţâna, adr. Str. Dr. Istrate 10, Bukareŝto 5, Rumanujo. Saluton al tiu ĉi nova kunbatalanto, en kiu ni trovas artikolojn, kiuj montras la vegetarismon ĉiuflanke! Kelkaj artikoloj estas prenitaj el nia bulteno, kaj kunlaborado de esperantistoj estas dezirata. Oni sendu tekstojn, kiuj ne ampleksas pli ol 2 tekstpaĝojn. La redaktanto Ionescu-Capaţâna diras, ke ĉiu vera pacifisto devus, pro respekto al la vivo sen diferenco de la speco, esti ankaŭ vegetarano.

---

### Esperantaj eldonaĵoj.

**Tutmondo Esperanta**, monata revuo amuza kaj sciiga, eld. Friedrich Schloe, Karlsruhe a. Rh., Dammerstockstr. 15, Germ. Jarabono sfr. 2,—.

**Argentina Esperantisto**, Strato Pellegrini 238, Buenos Aires, enhavas en sia decembra numero bonegan artikolon „Ni savu nin!" de nia ligano A. Barrot.

**Liberecana Socio**, de Georgo Bastien (bastjan), eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda, 23 Rue Boyer, Parizo 20, prezo gmk. 0,60. 54 paĝoj, 11×17 cm.

**Beinsa Dunó**, „La mondo de la grandaj animoj", 32-paĝa broŝuro, tradukita de P. G. Pamporov, havebla ĉe la redaktejo de gazeto Ĵitno Zarno (grajnero), poŝtkesto 271, Sofio, Bulg.

**La Suda Stelo**, poŝtfako 44, Slavonski Brod, Jugoslavujo. Organo de la Esperanto-movado en Jugosl. Jarabono 5 sfr.

**Teorio de Socia Vivo**, de Okamoto-Rikiĉi, Tomiokamura, Ŝuntoo-gun, Ŝizuoka-ken, Japanujo.

**Sveda Laborista Esperantisto**, Upplandsgatan 1, Stokholmo, redaktanto John Johansson, jarabono skr. 2,50.

**Juna Esperantisto**, red. Emil Mayer, Lelewela 9 m. 2, Krakovo, Polujo. Jarabono sfr. 2,50. Organo de Tutmonda Esperanto-Junulara Asocio.

**Kontraŭ la regantaj perceptoj pri krimo kaj puno**, de D-rino Klara Meijer-Wichman, tradukita el la nederlanda lingvo de „Nikune", eldonita de Komitato por Agado kontraŭ la regantaj perceptoj pri krimo kaj puno, Olympiaweg 56, Amsterdam-Zuid, Nederl., sekretario H. Philips. Prezo 10 ekz. nfl. 0,50. Vere leginda broŝuro pri necesa reformo.

**Esperanto-Sveda Vortaro**, de akademiano Paul Nylén, eldonis Eldona Societo Esperanto s. p. r., Fack 698, Stokholmo. La nestoro de la sveda Esp.-movado liveris al siaj samlandanoj per tiu ĉi vortaro bonegan helpilon. Prezo skr. 3,75. Baldaŭ sekvos simila eldono Sved—Esperanta, kompilata de Sam Owen Jansson.

**Wörterbuch Esperanto—Deutsch, Deutsch—Esperanto**, de D-ro Emil Pfeffer, eldonis Tagblatt-Bibliothek, Vieno I, Aŭstrujo, prezo gmk. 0,30 kaj gmk. 1,20, respektive. En mallonga formo, je tre malalta prezo, tiuj vortaroj donas ĉion necesan.

**Frateco**, monata gazeto por frateca vivo, eldonata de Atanas Nikolov, poŝtkesto 6, Burgas, Bulgarujo. Nur en Esp. Jarabono 1 svisa franko.

**Internacia Informoficejo por Verserĉantoj**, Antonie Duyckstraat 10, Hago, Nederl. Flugfolio.

**La Mondo**, organo de la Ŝanhaja Esperantista Ligo, adr. poŝtkesto 274, Ŝanhajo, Ĉinujo. Jarabono 5 respondkuponoj.

**Gvidilo tra la Esperanto-Movado**, de G. P. Bruin, eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), Parizo 20, Rue Boyer 23, Francujo, 48-paĝa broŝuro, formato 12,5×18,5 cm, prezo ffr. 4.— aŭ nfl. 0,40. Administrejo Lipsio O. 27, Colmstr. 1, Germ.

**Politika Sociala Revuo**, trimonata esp. revuo, jarabono ffr. 40.—, administrejo: Librejo Félix Alcan, Boulevard Saint-Germain 108, Parizo 6, Francujo. Tre bona, ampleksa (80-paĝa) revuo, vera pliriĉigo de nia revuaro. Bedaŭrinde enŝoviĝis kelkaj lingvaj kaj presaj eraroj. Estas ankaŭ dezirinde, trovi klarigon pri nekutimaj formoj (sociala anstataŭ socia, ekonomika anstataŭ ekonomia; por la franca économie ni havas ja la vorton ŝparo).

**Fremdvortoj en Esperanto**, de Paul Neergaard, Kopenhago, eldonejo SAT, Parizo. Interesa studaĵo. Bedaŭrinde la aŭtoro uzas la absolute rifuzindan formon (kontraŭ la strukturo de nia lingvo!) „aliel" anstataŭ „alie".

---

### Bilanco de la Internacia Vegetara Ligo Esperantista (V. E. L.) je la 31. 12. 1932.

| Sumoj en germanaj markoj. | Ŝuldo | Havo |
|---|---|---|
| Saldo laŭ „Vegetarano" XV/1 . . . | 66.87 | |
| Kotizoj, donacoj 1932 (557.78) . . . | | 486.01 |
| preskostoj por la bulteno (477.47) . . | 391.30 | |
| afranko por la bulteno (124.00) . . . | 76.58 | |
| ĝeneralaj spezoj (10.09) . . . . | 10.58 | |
| saldo (malhavo aŭ deficito) . . . . | | 59.32 |
| | 545.33 | 545.33 |
| Efektivaj kontoj: | | |
| Ŝuldo al la kasisto . . . . . . | | 97.55 |
| ŝuldoj al landaj sekretarioj . . . . | | 4.02 |
| havoj ĉe landaj sekretarioj kaj en kaso | 42.25 | |
| saldo (malhavo), kiel ĉi-supre . . . | 59.32 | |
| | 101.57 | 101.57 |

La parenteze cititaj sumoj estas tiuj de la antaŭaj jaroj. Komparante, oni vidas, ke ni eniris la jaron kun deficito de gmk. 66.87 kaj eliris kun deficito de gmk. 59.32. Tio estis ebla per la kunfando de la du lastaj numeroj de la bulteno en unu solan. Kiel oni vidas, la kotizoj malkreskis forte pro la krizo. La bilanco, same kiel en la antaŭaj jaroj, jam enhavas tiujn kotizojn por 1933, kiuj estas senditaj antaŭ la 31. 12. 32.

Mi kore dankas ĉiujn kunlaborintojn, kotizintojn kaj donacintojn pro la komprenemo, kiun ili montris pri la financaj demandoj. La ligo nun eniras la 25-an jaron de sia ekzisto, kaj mi esperas, ke ĝi kaj ĝia organo, nia bulteno, povos plu ekzisti. Bonvolu do laŭeble baldaŭ repagi la kotizojn por la nova jaro kaj, se eble, trovi novajn amikojn, kiuj helpos nin.

Pro la bona ordo mi konstatas, ke la supre prezentitaj ciferoj absolute akordiĝas kun la kontlibroj de nia ligo. Oskar Bünemann, kasisto.

### Kvitancoj.

Daŭrigo de la kvitancoj en „Vegetarano" XV/3-4, paĝo 34:

Etzold 4.—, Helmi Dresden, Hilda Dresen, Vimson, ĉiu 3.—, Jacobs, Rissom, Glaser, Butkus, Kibat, Funken, Storch, Fink (Föller), Helfers, Kermann, Sack, Schernikau, Christaller, Knopf, ĉiu 3.—, Szabuniewicz 6.—, Ge-Bünemann 4.50, Mai 6.—, fratinoj Bartholomew ŝil. 10/-, Deane, Smith, Farrand, ĉiu ŝil. 4/-, Gueritte ŝil. 5/-, Osmond ŝil. 4/6, Yelland ffr. 40.—, Grupo Esper. Natur. ffr. 30.—, Royer ffr. 20.—, Neukomm ffr. 20.—, Brukis sfr. 4.10, Smrček sfr. 4.—, Hallgren skr. 4.—, Pamporov 0.70, Fernández pes. arg. 2.—, Beaumont ŝil. 4/-, Blaise ŝil. 4/-, Young ŝil. 5/-, Bluett ŝil. 10/-, Ge-Roskes nfl. 4.—, Prins, v. Sijn, Ge-Isbrücker, Pothoff, Aalders, de Vries, Lissauer, Schermerhorn, Goedheer, Harder, ĉiu nfl. 2.—, Dalichau 3.75, Pugmire ŝil. 4/-.

Al ĉiuj pagintoj koran dankon! Mi jam ofte ripetis, ke nia entrepreno ne estas komerco kaj ke la bultenon oni ne devas konsideri kiel varon liveratan kontraŭ pago, sed kiel ligilon inter samcelanoj, kiuj ĝin subtenas finance kaj idee per komuna penado. Mi esperas, ke nun la bulteno transiros en aliajn, pli taŭgajn manojn kaj ke tiam ĉiuj amikoj same kiel ĝis nun apogos ĝin idee kaj mone. La adresoj por la pagoj restos la samaj. Multaj kotizoj por 1933 ankoraŭ mankas. Ne prokrastu plu la pagon, por ne senkuraĝigi tiun, kiu prenas la laboron sur sin. Ne estas juste, ke tiu, kiu jam oferas tempon kaj energion, havu ankaŭ monajn riskojn kaj eĉ perdojn.

Ĝis nun la eldonanto ĉiam pagis el sia poŝo la eldonkostojn, atendante, ke iom post iom, per la kotizoj, la mono revenos al li. Tio ne estas sana sistemo, kaj per pli akurata kotizado la anoj devus sanigi nian sistemon kaj eviti al la nova eldononto tiajn financajn problemojn. La ĉiujare publikigitaj bilancoj ja montris, por kiaj sumoj la eldonanto daŭre estis kreditoro de nia organizo. Ankaŭ la kostoj de tiu ĉi numero ankoraŭ ne estas kovritaj per pagitaj kotizoj. Sendube la legantoj komprenos, ke ni devas adapti la amplekson de la bulteno al la cirkonstancoj.

Samcelan kaj samideanan saluton al ĉiuj geamikoj!

La kasisto: O. B.

### Respondoj, informetoj, petoj kaj deziroj.

**Unuiĝo Tutmonda de Esperantistaj Virinoj** (UTEV) petas, ke aliĝu al ĝi ĉiuj esperantistinoj, kiuj volas kunlabori por justeco, amo kaj paco. Ĝenerala centro: S-ino Nora Kozma, Andrássy-út 5, Budapeŝto VI, Hungarujo. Por Germanujo: f-ino Elise Jacobs, Flensburgo, Mathildenstr. 9. Por Francujo: s-ino M. Borel, Quai Bernard, Lyon.

**Represo kaj Traduko** el nia bulteno estas permesata, eĉ dezirata kondiĉe, ke la „Vegetarano" estu citata kiel fonto.

**Malnovajn numerojn de la „Vegetarano"** ni ne plu posedas, kaj estas senutile peti ilin.

**Vegetarismo kaj racia nutrado:** Al tiu artikolo (en N-roj XIV/3 kaj XV/3—4) aŭstraj samcelanoj respondas: „Oni ankaŭ povas ricevi 100%-an farunon, kiu ne estas malfacile digestebla, se oni senŝeligas la grajnon laŭ la Steinmetz-metodo malseke. Tiamaniere oni facile forigas la nedigesteblan celulozan ŝelon, ne detruante la grajnon mem".

**Nia ekonomia sistemo:** Prof. Lenz sciigas, ke la frazoj sub tiu ĉi titolo cititaj en „XV/3—4" staris nur en la unua eldono de lia verko, ne en la sekvantaj.

**Per akcidento mortis** en decembro 1932 nia amiko Herbert Lane, kiu kune kun sia edzino (Hilda Lane, „Bela Monto", Wrotham Hill, Kent, Anglujo) jam de multaj jaroj vigle laboradis en nia movado. Kia sortobato por lia edzino! Kia perdo por ni ĉiuj! En la jaro 1917 li suferis en malliberejo pro militrifuzo.

**Mortis** la 7. 3. 1933, 76-jara, s-ro **John Mabon Warden**, unu el la plej multjaraj abonantoj de nia bulteno, tre grava pioniro de Esperanto, homo kun modela karaktero, noblaj ideoj, afablega sinteno.

**Internacia Esperantokurso**, 21. 6.—1. 7. 33, en la Esperanto-Domo, Arnhemo, Nederlando, speciale por poŝtistoj. Petu informojn de la Internacia Cseh-Instituto, Oostduinlaan 32, Hago, Nederlando (poŝtkonto Hago 162626).

**Kongreso kontraŭ Milito.** De la 3-a ĝis la 5-a de junio okazos en Antverpeno, adreso De Kayserlei 13, Belgujo, kongreso de la Internacia Socialista Kontraŭmilita Ligo.

**Rekomendinda libro** en dana lingvo: Martin Andersen Nexö, „Midt i en Jaerntid" (Dum fera epoko). Nexö estas ne nur vera poeto, sed li mem staras kiel batalanto en la publika vivo. Li batalas fervore por socialismo kaj paco.

**La nova tempo**, konversacio verkita de Walter Etzold, ne povas ankoraŭ aperi en tiu ĉi numero de Vegetarano.

**Estas absolute neeble** al la redaktanto, doni individuan respondon al ĉiu letero aŭ poŝtkarto ricevita.

**Ne sendu** al la redaktanto recenzotaĵojn, kiuj ne rilatas al nia speciala afero (vegetarismo kaj parencaĵoj).

**Grava!** **Frua ricevo de la kotizo estas grava helpo por ni. Se vi scius tion, ankaŭ vi jam estus paginta. Tial: pagu tuj almenaŭ VI, kiu nun povas aranĝi tion!**

PRESO: HEROLDO DE ESPERANTO, KÖLN